3me Année, No 35. Juillet 1905. | 3a Jaro, 35a Numero. Julio 1905. | 3e Jaar, Nr 35. Juli 1905.




Aliĝinta al la Unuigo de la Perioda Belga Gazetaro

Affilié à l'Union de la Presse Périodique Belge. | Aangesloten bij het Verbond der Periodieke Belgische Drukpers.

| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL : | KOSTO DE LA JARA ABONO : | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS : |
|---|---|---|
| 2.50 fr. pour la Belgique ; 3.00 fr. pour l'étranger. 5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo ; 3.00 fr. en eksterbelgaj landoj. 5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België ; 3.00 fr. voor den vreemde. 5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer. |
| Un numéro : 0,25 fr. | Unu numero : 0,25 fr. | Het nummer : 0,25 fr. |

La personoj, kiuj sendos al ni almenaŭ sumon da kvin frankoj, estos enskribitaj kiel protektantaj abonantoj kaj ilia nomo estos presita en ia proksima numero.
Nia ĵurnala jaro komenciĝas la 15an de Septembro. Se oni abonas post tiu-ĉi dato, oni ricevas la jam elirintajn numerojn.

Les personnes qui nous enverront au moins la somme de cinq francs seront inscrites comme abonnés protecteurs et leur nom paraitra dans un prochain numéro.
L'année de notre Journal commence le 15 Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les numéros déjà parus.

*De personen die ons ten minste de som van vijf franken toezenden zullen opgeteekend worden als inschrijvers-beschermers en hun naam zal in een aanstaande nummer gedrukt worden.*
*De jaargang van ons Blad begint met 15n September. Indien men zich na dien datum laat inschrijven, ontvangt men de reeds verschenen nummers.*

## ENHAVO.



## SOMMAIRE.



## INHOUD.



A.-J. WITTERYCK-DELPLACE,
IMPRIMEUR-ÉDITEUR | DRUKKER-UITGEVER
BRUGES, NOUVELLE PROMENADE, 4. | BRUGGE, NIEUWE WANDELING, 4.

## PRINCIPAUX JOURNAUX ESPÉRANTISTES RÉGULIERS.

### Bijzonderste regelmatige esperantische dagbladen.

**Lingvo Internacia**, gazette bi-mensuelle (*tweemaandelijksch blad*), abonnement sans supplément, 5.00 fr. par an (*inschrijving zonder bijvoegsel, 5.00 fr. 's jaars*); abonnement avec supplément littéraire, 7.50 fr. par an (*inschrijving met letterkundig bijvoegsel, 7.50 fr. 's jaars*). Presa Esperantista Societo 33, rue Lacépède, Paris Vème.

**L'Espérantiste**, revue officielle de la Société française pour la propagation de l'Esperanto, 20 pages (format 15 × 20) de texte Esperanto-Français, 8 pages de couverture, correspondance internationale en Esperanto gratuite pour les abonnés. 3.50 fr. par an (*3.50 fr. 's jaars*) 4.00 francs avec inscription à la Société (*4.00 fr. met aanneming in de Maatschappij.*) Administration de l'Espérantiste à Louviers (Eure) France.

**La Svisa Espero**, fr. 2.50 par an (*2.50 fr. 's jaars*) Mr Th. Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève, Suisse.

**Antaŭen Esperantistoj**! 0,150 Livroj = fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*) Mr Ant. Alvarado, str. Lartiga, nº 106a Lima, Pérou.

**The Esperantist**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*), Mr H. Bolingbroke Mudie, 41, Outer Temple, W. C. London, England & M. Seynaeve, Heule lez Courtrai. Un numero : 40 Cmes.

**La Juna Esperantisto**, 2.00 fr. par an (*2.00 fr. 's jaars*). Mr H. Hodler, 9 avenue des Vollandes, Genève, Suisse.

**Internacia Scienca Revuo**, fr. 7.00 par an (*7.00 fr. 's jaars*), Hachette & Cie, 79, Bd St Germain, Paris.

**La Meksika Lumturo**, fr. 3,00 par an (*3,00 fr. 's jaars*), Dro A. Vargas, Santa Rosa Necoxtla (Ver.) Mexique.

**Esperanta ligilo** (por blinduloj), 3.00 fr. pour 1905 (*3.00 fr. voor 1905*), Mr Th. Cart, 12, rue Soufflot, Paris.

**La Suno Hispana**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*). M. Augusto Jimenez Loira, Godella, Valencia, Espagne.

**Germana Esperantisto** fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*). Möller & Borel, Prinzenstrasse, 95, Berlin, Allemagne.

**The British Esperantist**, fr. 2.00 par an (*2.00 fr. 's jaars*). Mr H. Cleeg, 13, Arundelstreet, Strand. London.

**La Alĝera Stelo**, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*). Mr Louis Landes, 57, rue d'Isly, Alger.

**Esperanto**, fr. 8.00 par an (*8.00 fr. 's jaars*) bimensuel, en Russe et Esperanto (*tweemaandelijksch, in Russisch en Esperanto*). Dro Ostrovski, à Jalta (Russie).

**Esperanto**, en Franca lingvo kaj Esperanto, fr. 3.00 par an (*3.00 fr. 's jaars*), 24 numeroj. Emile Gasse, 71 rue Michelet, Le Havre. France.

**Gefrataro Esperanta**, fr. 4.00 par an (*4.00 fr. 's jaars*). Rafaelo Bagnulo. Largo Gesu e Maria 4, Naples. Italie.

N. B. — Quelques autres journaux paraissent plus ou moins régulièrement. (*Eenige andere dagbladen verschijnen min of meer regelmatig*).

## Esperantistaj grupoj en Belgujo.

**Poliglota Klubo en Bruselo, Esperantista Sekcio.** Sidejo : Hôtel Ravenstein, rue Ravenstein, 3. Sekretario Sro L. Blanjean.

**Antverpena grupo Esperantista. A. G. E.** Sidejo : Taverne Royale, Place Verte, 39. Prezidanto : Sro Ray. van Melckebeke; Sekretarioj, L. Jamin kaj F. Dupont.
Kunvenoj la 2an kaj 4an sabatojn de ĉiu monato, je la 9a horo, vespere.

**Esperantista Katolik-Universitata Grupo E. K. G.** Sidejo : Loveno. Sekretario : P. Mattelaer, 3, place de l'Université, Louvain.

**Esperantista Lovena Grupo.** Sidejo : Taverne St Jean. Café Monico, rue de Diest. (Louvain, Leuven). Prezidanto Sro Edm. Vandieren. Sekretario Sro Eŭg. Mathys, filo, Aŭgustanstrato, 5a.
*Virina Sekcio* : Sekretariino, Frino Cl. Nythals.

**Esperantista Studenta Grupo.** Sidejo : Hôtel des Notaires, rue des Boutiques, Gento (Gand, Gent). Prezidanto : Dro M. Seynaeve, sekretario : Sro R. de Bie, 128, chaussée de Courtrai, Gand.

**Bruĝa Esperantista Grupo.** Sidejo : Bruĝo (Bruges, Brugge). Prezidanto : Sro A. J. Witteryck, sekretario : Sro Lekeu, 49 rue Wallonne.

**Esperantista Grupo en Lieĝo.** Sidejo : Café du Petit Trianon, bd de la Sauvenière, apud la Reĝa Teatro, kunvenoj ĉiulunde kaj ĉiuvendrede je la 8a haro. Prezidanto : Sro de Troyer, Sekretario : G. Sloutzky, 48, rue des Prébendiers, Liége.

**Esperantista Grupo en Meĥleno.** Prezidanto Sro L. Van Peteghem ; Sekretario : L. Van Elst, rue Notre Dame, Malines (Mechelen).

**Esperantista grupo en Andenno.** Prezidanto : Doktoro Mélin, Sekretario Sro Rambeaux, Andenne.

3me Année, No 35. Juillet 1905. | 3a Jaro, 35a Numero. Julio 1905. | 3e Jaar, Nr 35. Juli 1905.




JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL. | BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT.

| PRIX DE L'ABONNEMENT ANNUEL : | KOSTO DE LA JARA ABONO : | JAARLIJKSCHE INSCHRIJVINGSPRIJS : |
|---|---|---|
| 2.50 fr. pour la Belgique ;<br>3.00 fr. pour l'étranger.<br>5.00 fr. (minimum) : abonnement de protecteur. | 2.50 fr. en Belgujo ;<br>3.00 fr. en eksterbelgaj landoj.<br>5.00 fr. (almenaŭ) : protektanta abonanto. | 2.50 fr. voor België ;<br>3.00 fr. voor den vreemde.<br>5.00 fr. (ten minste) : inschrijving als beschermer. |
| **Un numéro : 0.25 fr.** | **Unu numero : 0.25 fr.** | **Het nummer : 0.25 fr.** |

Ĉefredaktoro — Rédacteur en chef — Hoofdopsteller : Jos. JAMIN, 78, rue de la Longue Haie, Bruxelles.
Cenzuristo — Censeur — Keurder : LUCIEN BLANJEAN, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Abonoj — Abonnements — Inschrijvingen : L. VANDERSLEYEN, 31, rue des Patriotes, Bruxelles.
Presisto — Imprimeur — Drukker : A.-J. WITTERYCK-DELPLACE, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

## La Kongresaj Voĉdonoj.

LETERO KAJ PROPONO DE Dro ZAMENHOF.

En la lasta numero de B. S., mi presigis artikolon en kiu, montrinte la senlogikecon de la maniero ĝis nun uzita por difini la rajton voĉdonan, mi starigis ke pri tiu maniero povis kaj devis decidi nur Dro Zamenhof, kune kun la organizanta komitato. Al ili mi eĉ proponis ian manieron.

Responde je tiu artikolo, Dro Zamenhof sendis al mi la jenan leteron :

« 22-VI-05.

Kara Sinjoro,

« En la originalo de mia projekto de organizacio estis dirite tute precize pri la maniero de voĉdonado en la unua kongreso. Mi volis frutempe prezenti mian projekton al ĉiuj Esperantistoj, por ke ĝi povu esti prijuĝata en la gazetoj kaj en la grupoj, kaj el diversaj ricevataj opinioj ni povus konkludi, kia maniero de agado la plej multe plaĉas al la Esperantistoj. Sed, kvankam mi sendis mian projekton al Sro Michaux ankoraŭ en Aprilo, tamen pro kaŭzoj ne dependantaj de mi nek de Sro Michaux, mia projekto aperis en la gazetoj tro malfrue. Tial mi en la tempo de la presado devis elĵeti la punkton pri voĉdonado en la unua kongreso kaj lasi tiun ĉi demandon al la decido de la organizanta komitato (*).

« Mi korespondas nun kun la komitato pri tiu ĉi demando, kaj vi povas esti tute trankvila : la komitato penos aranĝi la aferon tiel, ke ĝi estu kiel eble plej justa kaj oportuna.

« Laŭ mia opinio (kiun mi sendis hodiaŭ al la komitato) la afero povus esti aranĝata en la sekvanta maniero :

*a*) Rajton de voĉo havas ĉiu, kiu aĉetis karton de kongreso kaj certigis skribe, ke li estas Esperantisto t. e. ke li komprenas kaj uzas la lingvon Esperanto. Sed se la nombro de reprezentantoj de unu lando estos pli ol 1/3 de la nombro de ĉiuj kongresanoj, tiam la kongresanoj de tiu lando mem elektos inter si limigitan nombron da voĉdonantoj.

*b*) Komuna voĉdonado estos farata nur pri tiuj demandoj, kiuj havas gravecon *principan* kaj devas nepre esti decidataj de la *kongreso* (ekzemple : *a*) ĉu

(*) Mian unuan artikolon mi skribis post legado de la originalo de la projekto, kiu enhavis proponon pri la voĉdona maniero. Ĉi tie Dro Zamenhof klarigas kial li elĵetis tiun proponon el la definitiva projekto.

Dro M. S.

ni bezonas organizacion aŭ ne ; *b)* ĉu ni devas publikigi « Deklaracion » aŭ ne ; *c)* elekto de la unua Centra Komitato) ; pri ĉiuj aliaj demandoj, kiuj prezentus nur *detalojn*, la kongresanoj nur *diskutados*, sed *decidon* pri ili faros per voĉdonado nur *la membroj de la elektota Centra Komitato*.

« Sed mi konfesas ke mi estas tre nesperta en tiaj aferoj, kaj tial mi kun plena konfido lasas la decidon de tiu ĉi demando al la organizanta komitato ; mi akceptos kun plena konsento kion la komitato decidos, kaj mi esperas ke tiel same agos ankaŭ ĉiuj kongresanoj.

« Ni devas memori ke por la *unua* kongreso estas neeble trovi tian manieron de voĉdonado, kiu *ĉiujn* kontentigus kaj ni devas eviti ĉian superfluan disputadon. »

Via
Zamenhof.

***

Mi aldonas kelkajn vortojn pri la diversaj manieroj de voĉdonado ĝis nun proponitaj :

Multaj Esperantistoj opinias ke, en la kongreso, ĉiuj kongresanoj voĉdonos kaj ke la decidoj, tiel farotaj, estos definitive akceptataj de la Esperantistaro. Tia maniero estus ridinde maljusta kaj certe neniam ĝin aprobus la seriozaj Esperantistoj : laŭ ĝi, la solaj Bulonjaj kongresanoj havus pli da voĉoj ol ĉiuj fremdaj kongresanoj kune !

Tamen, laŭ S[ro] de Beaufront, oni devus uzi tiun manieron sed la decidoj havus ne definitivan sed nur provizoran, montran valoron : post la kongreso, ĝenerala voĉdonado de la tuta Esperantistaro konigus la veran decidon. Sed kion utilus tiam la voĉdonoj de la kongreso, ĉar ili fariĝus nepre senefikaj ? Plie, legante la projektojn kiujn oni prezentos al la kongreso, kaj iom pripensante la diversajn kaj iafoje malsimplajn demandojn proponotajn al la voĉdonado, kaj la sennombrajn malfacilaĵojn kaj malhelpojn de tutmonda voĉdonado, oni rapide konvinkiĝas ke tia maniero estus praktike malfacilega, eĉ neebla.

Resume, ĉia maniero de ĝenerala voĉdonado estas aŭ maljusta aŭ praktike neebla. Limigitajn voĉdonojn oni devus fari. Ĉiuj kongresanoj tamen povus voĉdoni : tiuj, efektive, kiuj ne povus partopreni en la definitivaj voĉdonoj, voĉdonus en la naciaj aŭ grupaj kunvenoj de la kongreso, por konigi al siaj delegitoj kian opinion ili devas defendi.

Sed en kia maniero, laŭ kia regulo oni limigos la nombron de la voĉdonantoj. Jen kuŝas la vere malfacila demando, pri kiu decidos la organizanta komitato. Ĉu la fundamento devas esti, kiel en la projekto de Kap[no] Comte, la nombro da homoj parolantaj la naciajn lingvojn de la kongresanoj ? Sed, por ke la voĉdonantoj riprezentu kiel eble plej bone la Esperantistaron, la nombro de la delegitoj devas esti proporcia ne al la nombro da loĝantoj sed al la nombro da Esperantistoj de ĉiu lando.

Laŭ la propono de D[ro] Zamenhof, ĉiuj kongresanoj de ĉiuj landoj, escepte de Francujo, povus voĉdoni. Sed laŭ kia regulo la francoj elektus la limigitan nombron da voĉdonantoj ? Ĉu nombro da francoj, egala je l' $^1/_3$ de l' nombro de l' kongresanoj, povus voĉdoni ? Tiu nombro estus tro granda kaj, plie, ĉiuj tiuj voĉdonantoj ne estus, certe, fervoraj Esperantistoj, bone konantaj la movadon Esperantistan : kondiĉo kiun devus plenumi ĉiu voĉdonanto.

Laŭ la propono kiun mi prezentis, neniu lando havus pli ol 20 voĉdonantoj, (oni povus ankoraŭ plimalgrandigi tiun nombron), escepte Anglujo kiu havus ĉirkaŭe 30 kaj Francujo ĉirkaŭe 70 da ili. Ŝajnas al mi ke, laŭ tiu maniero, la Esperantistaro estus riprezentata jam pli ĝuste ol laŭ la aliaj, kaj ke ĉiuj voĉdonantoj estus seriozaj, spertaj Esperantistoj.

Ni esperu ke la organizanta komitato, atente ekzameninte la demandon, decidos manieron per kiu la voĉdonoj kongresaj, faritaj de limigita nombro da spertaj proporcie ĉiunaciaj Esperantistoj, kiel eble plej ĝuste konigos la opinion de la Esperantistaro.

D[ro] M. SEYNAEVE.

# *Komandanto Ch. Lemaire.*

En la horo kiam aperos ĉi tiuj linioj, nia kara kaj eminenta partiano, S[ro] Komandanto Lemaire, apenaŭ de kelkaj horoj estos reveninta el Centra Afriko, kie li laboradis dum tri jaroj. Tiuokaze, mi ne povas forigi la deziron konigi al la multaj ĵus la arenon envenintaj Belgaj Esperantistoj tiun kuraĝoplenan pioniron de nia afero. Ili vidos ke, pro pli ol unu kaŭzo, ni povas fieriĝi je tiu, kiu unua levis en Belgujo la Esperantan flagon.

Charles-François-Alexandre Lemaire naskiĝis en Cuesmes (Henea provinco) la 26[an] de Marto 1863. Li faris la mezajn sciencajn studojn ĉe la Gimnazio de Mons, eniris la Militistan Lernejon en 1881 kaj, la

## Le Commandant Ch. Lemaire.

A l'heure où paraîtront ces lignes, notre cher et distingué partisan, M. le Comm[t] Ch. Lemaire, sera depuis quelques heures à peine rentré de l'Afrique Centrale, où il a séjourné durant trois ans. A cette occasion, je ne puis résister au désir de faire connaître aux nombreux Espérantistes Belges, nouveaux venus dans l'arène, ce vaillant protagoniste de notre cause. Ils verront qu'à plus d'un titre nous pouvons être fiers de celui qui le premier leva en Belgique la bannière de l'Esperanto.

Charles-François-Alexandre Lemaire naquit à Cuesmes (Hainaut) le 26 mars 1863. Il fit ses études humanitaires et scientifiques à l'Athénée de Mons, entra à l'Ecole Militaire en

## De Bevelhebber K. Lemaire.

*Op het uur dat deze regelen zullen verschijnen, zal onze beminde en uitmuntende aanhanger, M. de Bevelhebber K. Lemaire, nauwelijks sedert eenige uren teruggekeerd zijn, uit Midden-Afrika waar hij gedurende drie jaren verbleven heeft.*

*Te dezer gelegenheid kan ik aan de begeerte niet wederstaan aan de talrijke Belgische Esperantisten, nieuw gekomenen in het strijdperk, dezen moedigen baanbreker onzer zaak te doen kennen. Zij zullen zien dat wij om meer dan ééne reden, mogen trotsch zijn over deze die, in België, de eerste het vaandel van het Esperanto verhief.*

*Karel-Frans-Alexander Lemaire werd geboren te Cuesmes (Henegouw) den 26[n] Maart 1863. Hij deed zijne studiën van humaniora en wetenschappen in het atheneum van Bergen, trad in de*



12an de Junio 1883, li iĝis oficiro ĉe la 2a Artileria Regimento. La Sendependa Ŝtato de Kongolando ĵus estis kreita: la juna oficiro entuziasmiĝis por tiu grandega entrepreno en kiu tiom da Belgoj estus, post sennombraj memoferoj, atingontaj al nekredeblaj rezultatoj kaj, la 4an de Novembro 1889, li siavice enŝipiĝis ironte al Afrika lando. Kvar jarojn li tie pasigis kaj dume, komence en la distrikto de l'Akvofaloj, poste kiel estro de l'distrikto de l'Ekvatoro, li nepre kutimiĝis je la kolonia vivado kaj montris ĉiuflanke sian senlaciĝan agemon kaj sian grandan iniciatemon.

En 1893, revenante Belgujon, kuglo pafita de negroj traboris lian kruron: tiu vundo lin dolorigis dum kelkaj jaroj kaj li definitive resaniĝis nur post kelkaj operacioj. Reveninte, li ne unu momenton ripozas kaj, per multaj broŝuroj enhavantaj la rezultatojn de ĉiuspecaj laboroj en Afriko faritaj, li diskonigas la

---

1881 et fut désigné pour le 2e régiment d'Artillerie le 12 juin 1886. L'Etat Indépendant du Congo venait d'être créé : le jeune officier s'enthousiasma pour cette entreprise gigantesque où tant de Belges allaient, au prix de sacrifices sans nombre, réaliser des résultats incroyables et, le 4 novembre 1889, il s'embarquait à son tour pour la terre d'Afrique. Il y resta quatre années durant lesquelles, dans le district des Cataractes d'abord, comme Commissaire du district de l'Equateur ensuite, il s'initia complètement à la vie coloniale et fit éclater dans tous les domaines son inlassable activité et son puissant esprit d'initiative.

Au moment de rentrer en Belgique, en 1893, il fut atteint à la jambe d'un coup de feu tiré par des noirs : cette blessure le fit souffrir durant plusieurs années et ne fut définitivement guérie qu'après plusieurs interventions chirurgicales. A son retour, il ne prend pas un instant de repos et, dans des brochures nombreuses qui sont le fruit des travaux de toute

*krijgsschool in 1881, en werd den 12n Juni 1886 bestemd voor het 2de regiment Schutterij.*

*De onafhankelijke Congostaat kwam ingericht te worden: de jonge officier bewonderde deze grootsche onderneming, waar zooveel Belgen, ten koste van tallooze opofferingen, ongelooflijke uitslagen gingen verwezentlijken, en den 4n November 1889 scheepte hij, op zijne beurt, in voor het Afrikaansch land.*

*Hij bleef er vier jaren, gedurende welke hij, eerst in het distrikt der Katarakten, vervolgens als Kommissaris van het distrikt van den Evenaar, zich gansch aan het koloniaal leven hechtte, en in alle opzichten zijne onvermoeibare werkzaamheid en zijnen machtigen opvattingsgeest liet uitschijnen.*

*Op het oogenblik zijner terugkomst in België, in 1893, werd hij door een vuurschot door de negers geschoten, aan het been getroffen: deze wonde deed hem gedurende verscheidene jaren lijden en werd slechts voor goed genezen na verscheidene geneeskundige tusschenkomsten. Bij zijnen terugkeer, neemt hij geen oogenblik rust en, in talrijke schriften die de vrucht zijn der werken van alle slag*

elastecon de sia inteligento kaj sian observeman kaj vulgarigeman spiriton. Sed sub la agemulo kaj scienculo montriĝas ankaŭ la soldato : senpene entuziasmiĝante por la belaj entreprenoj, li neniam prosperis kaŝadi siajn opiniojn kaj plaĉas al li ekaperi unua sur la batalejo por defendi per la voĉo kaj la plumo la amatajn ideojn : laŭvice oni lin vidas kontraŭbatali, per timindaj kaj senlaciĝaj fortoj, la malamikojn de l'Kongolanda entrepreno, grandege helpi al la nasko komence de l' « Societo por koloniaj lernadoj », poste de la « Kolonia Lernejo » en kies profesoraro li membriĝas kaj, dume, eldoni gravajn verkojn.

En 1895, li reiras Kongolandon kun la komisiitaro por la ekzamenado de l'demando pri la fervojo Matadi-Leopoldville. Post lia reveno, multaj entreprenoj postulas lian energion kaj lin ni vidas batalantan por la fondo de la « Villa Coloniale » (Kampardomo por malsanuloj revenintaj el Kongolando), por la organizo de l'Ekspedicio al la Suda Poluso de Komto de Gerlache kaj por krei la tre homaman entreprenon : « Grand Air pour les petits » (« Pura aero por la malgranduloj » : entrepreno kies celo estas sendi kiel eble plej multe da malriĉaj infanoj al la kamparo aŭ al la marbordo).

En 1898, li denove aliris Afrikon por direkti grandan sciencan mision en Ka-Tanga. Tiu ekspedicio, dum kiu li tutan Afrikon trairis de Oriento al Okcidento, altiris la atenton de la tuta sciencularo kaj havigis al li la plej glorajn honorojn. Tiun rimarkindan vojaĝon li priskribis en serio da verkoj, kies nur titolojn ni ne kuraĝas citi. Li tute ne estis fininta la laboron devenantan de tiu esplorado kiam, la 31an de Julio 1902, li la kvaran fojon enŝipiĝis al Afriko por konduki novan sciencan mision en la nordan-orientan flankon de Kongolando : tiu vojaĝo hodiaŭ finiĝas kaj ĝi estos sendube nova honorindaĵo por la kuraĝa esploristo.

Jam aŭdinte, meze de tiuj pezegaj laboroj, ĉirkaŭe je l'fino de 1897, pri la lingvo internacia Esperanto, Leŭtenanto Lemaire entuziasmiĝis por tiu mirinda ilo de la progresado kaj, apenaŭ kelkajn monatojn antaŭ lia foriro al Ka-Tanga, li neniel ŝanceliĝis ankaŭ fariĝi la apostolo de tiu nova entrepreno. Li ne estis la unua Belga Esperantisto (tiam ekzistis jam kelkaj Esperantistoj, inter kiuj nome Sro Senatano Houzeau de Lehaie) sed li certe estis la unua kaj la plej fervora propagandanto de Esperanto en Belgujo. Antaŭ la membroj de l'Brusela Klubo Poliglota li komencis la bataladon : entuziasma parolado kaj tuja organizo de Esperanta kurso, poste serio da artikoloj en « Le Petit Bleu », senprokraste aranĝitaj, dank'

---

espèce exécutés en Afrique, il révèle à tous et la souplesse de son intelligence et ses étonnantes qualités d'observateur et de vulgarisateur. Mais sous l'homme d'action et de science se trouve aussi le soldat : s'enthousiasmant facilement pour les belles causes, il n'a jamais été capable d'imposer silence à ses convictions et se plait à sauter le premier sur la brèche, pour défendre par la parole et par la plume les idées qui lui sont chères : on le voit tour à tour combattre, adversaire redoutable et inlassable, les ennemis de l'œuvre du Congo, pousser de toutes ses forces à la création de la « Société d'Etudes Coloniales » d'abord, d'une « Ecole Coloniale » où il fera partie du corps enseignant ensuite, et, dans l'entretemps, publier des ouvrages de grand intérêt.

En 1895, il retourne au Congo, accompagnant la commission chargée d'examiner la question du chemin de fer Matadi-Léopoldville. Revenu en Belgique, plusieurs œuvres réclament son énergie et nous le voyons mener campagne pour la création de la « Villa Coloniale » de Watermael, pour l'organisation de l'Expédition Antarctique du Commt de Gerlache et encore pour la création de l'œuvre éminemment humanitaire du : « Grand Air pour les petits », dont il est le secrétaire général.

En 1898, il s'embarque de nouveau pour l'Afrique, chargé d'une vaste mission scientifique dans le Ka-Tanga. Cette expédition, au cours de laquelle il traversa toute l'Afrique de l'est à l'ouest, fixa l'attention du monde scientifique tout entier et lui valut les distinctions les plus flatteuses. Ce voyage mémorable est consigné dans une série d'écrits, dont nous n'osons même pas entreprendre l'énumération. Les travaux résultant de cette expédition étaient bien loin d'être terminés lorsque, le 31 juillet 1902, il s'achemina une 4me fois vers l'Afrique, chargé de conduire une nouvelle mission scientifique dans le N.-E. du Congo Belge : mission qui se termine aujourd'hui et qui, n'en doutons pas, sera un nouveau titre de gloire pour le courageux explorateur.

C'est au milieu de ces occupations si accablantes qu'ayant appris à connaître un jour, vers la fin de 1897, la langue internationale Esperanto, le lieutenant Lemaire s'enthousiasma pour ce merveilleux instrument de progrès, et, alors que quelques mois à peine le séparaient de l'époque de son départ pour le Ka-Tanga, il n'hésita pas un moment à se faire encore l'apôtre de cette nouvelle cause. S'il ne fut pas le premier Espérantiste Belge, (il existait en ce moment quelques rares Espérantistes, notamment M. le sénateur Houzeau de Lehaie), il fut au moins le premier et le plus ardent propagateur de l'Esperanto en Belgique. Ce fut devant les membres du Cercle Polyglotte de Bruxelles qu'il ouvrit le feu : une conférence enthousiaste suivie immédiatement de l'organisation d'un cours d'Esperanto, une série d'articles dans « Le Petit Bleu »

*in Afrika uitgevoerd, openbaart hij aan allen, de buigzaamheid van zijn verstand en zijne wonderbare hoedanigheden van opmerker en verbreider. Maar onder den man van werk en wetenschap steekt ook de soldaat : gemakkelijk verrukt zijnde over de schoone zaken, is hij nooit bekwaam geweest zijne overtuigingen tot zwijgen te brengen, en hij is gaarn de eerste op de bres om door het woord en de pen zijne lievelingsgedachten te verdedigen ; geduchte en onvermoeibare tegenstaander, ziet men hem beurtelings de vijanden van het werk van Congo bestriiden, met al zijne krachten medewerken aan de stichting eerst van de* «Société d'études Coloniales », *vervolgens aan eene* « Koloniale school » *waar hij deel zal maken van het onderwijzend korps, en, in den tusschentijd, werken van groot belang uitgeven.*

*In 1895, keert hij naar den Congo terug, in gezelschap van het berek, gelast met het onderzoek der kwestie van den Matadi-Leopoldstadspoorweg. In België teruggekeerd zijnde, vragen verscheidene werken zijne wilskracht en wij zien hem te velde voor de stichting der* « Villa Coloniale » *van Watermael; voor de inrichting van den Zuidpooltocht van Bevelhebber de Gerlache, en ook voor de stichting van het uitnemend menschlievend werk der* « Goede *lucht voor de kleinen* », *waarvan hij algemeen sekretaris is.*

*In 1898, scheept hij opnieuw voor Afrika in, gelast met eene groote wetenschappelijke zending in den Ka-Tanga. Deze ontdekkingstocht, binst welken hij gansch Afrika, van het Oosten tot het Westen doortrok, trok de aandacht van de gansche wetenschappelijke wereld en deed hem de vleiendste onderscheidingen bekomen. Deze herinneringswaardige reis is bevat in eene reeks geschriften, waarvan wij zelfs de opsomming niet durven aangaan. De werken, gevolgen van dezen tocht, waren verre van voltooid te zijn, toen hij, den 31en Juli 1902, eene vierde maal naar Afrika trok, belast met het bestuur eener nieuwe wetenschappelijke zending in het N.-O. van den Belgischen Congo : zending die nu eindigt en die, wij twijfelen er niet aan, een nieuwe roemtitel voor onzen moedigen vorscher zal wezen.*

*'t Is te midden dezer zoo overstelpende bezigheden dat de Luitenant Lemaire, weleer, omtrent het einde van 1897, kennis gemaakt hebbende met de wederlandsche taal Esperanto, in verrukking gebracht werd voor dit wonderbaar middel van vooruitgang, en niettegenstaande slechts eenige maanden hem van het tijdstip van zijn vertrek naar den Congo scheidden, aarzelde hij geen oogenblik om nog de apostel dezer nieuwe zaak te wezen. Indien hij niet de eerste Belgische Esperantist was, (er bestonden op dat oogenblik eenige zeldzame Esperantisten, namelijk M. de Senator Houzeau de Lehaie), hij was ten minste de eerste en de vurigste verspreider van het Esperanto in België. 't Is voor de leden van den Talenkring van Brussel dat hij het vuur opende : eene geestdriftige voordracht, oogenblikkelijk gevolgd van de inrichting van eenen Esperantischen leergang ; eene reeks artikelen in* « Le Petit

al kelkaj malavaraj amikoj, je propaganda broŝuro, kiun oni dissendas en ĉiujn flankojn de la lando, kaj la sindonema oficiro, kredante ke li starigis la sukceson de Esperanto en Belgujo, enŝipiĝas al Afriko.

Sed kiam li revenis en la patrujon, ĉirkaŭe je l'fino de 1900, la rezultatoj de liaj klopodoj neniiĝis kaj denove li eniris la batalejon. Tiam ni lin vidas, kvankam lin premas ŝarĝegantaj laboroj, ree inciti ĉies atenton per senĉesaj gazetaj artikoloj, organizi kaj prepari ĉe la Maraĵa Ekspozicio de Antverpeno Esperantan Fakon, por kies sukceso li konsentas interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn kun la tuta mondo; tiam ankaŭ li faras paroladojn ĉe la « Societo de Astronomio », ĉe la « Vastiĝo de la Instruista Lernejo » (kie li organizas kurson de Esperanto), ĉe « Societo de fotografado (Gento) », ĉe la « Federacio de la Gimnazioj » (Antverpeno), ĉe la Brusela Universitato, k. t. p., kaj fine, kelkajn semajnojn antaŭ ol reekiri Afrikon, li decidas krei Esperantan Belgan gazeton, ĝin detale preparas kaj ĝian ekzistadon certigas.

Eĉ en Afriko, kie, pro lia peto, mi regule konigis al li la progresojn de nia afero tiel en la mondo kiel en Belgujo, li per la spirito daŭrigis alesti senĉese apud ni kaj en la leteroj, kiujn mi ricevis preskaŭ ĉe ĉiuj kurieroj, li ofte parolis pri la ĉefaj demandoj de nia entrepreno kaj raportis pri la propagando por Esperanto, kiun li prosperis fari eĉ en tiuj sovaĝaj regionoj, en kiuj li preskaŭ sola reprezentis la mondon civilizitan. En la tagoj la plej malĝojaj de danĝeroplena entrepreno, ĉe la horoj la plej korpremantaj, lia spirito kaj lia koro ankoraŭ direktiĝis al ni kaj, en ia okazo kiam li povis timi ke la varmega Afrika tero ankoraŭ postulu la oferon de lia vivo, li skribis al mi : « Se mi falus ĉi tie, vi dirus al la Esperantistoj ke mi lastan fojon pensis pri ilia bela ideo kaj ke, inter miaj lastaj deziroj, mi havis tiun de ilia plenasukceso ».

Scienculo kaj lerta verkisto, energia esploristo kaj senlaciĝa vulgarigemulo, fervorega defendanto de ĉiaj belaj entreprenoj, Komto Ch. Lemaire al ĉiuj tiuj kvalitoj aldonas ĉarman afablecon kaj vere soldatan sincerecon, kiuj tuj naskas simpation kaj aldonitecon ĉe ĉiuj kiuj povas rilati kun li.

La Belga Sonorilo, kiu ŝuldas al li sian ekziston kaj sian nomon, estas tre feliĉa pro lia reveno en Belgujon kaj sendas tre koran bonvenan saluton al tiu kuraĝega pioniro de nia afero.

Dro Maurice SEYNAEVE.

---

réunis aussitôt, grâce à la générosité de quelques amis, en une brochure de propagande qui est lancée aux quatre coins du pays, et le vaillant officier, croyant avoir assuré le succès de l'Esperanto en Belgique, s'embarque pour l'Afrique.

Mais lorsqu'il rentra au pays, vers la fin de 1900, les résultats de ses efforts s'étaient évanouis et il lui fallut recommencer la lutte. C'est alors que nous le voyons, malgré des travaux écrasants, réveiller à nouveau l'opinion par des articles de presse ininterrompus, organiser et préparer à l'Exposition Maritime d'Anvers un compartiment Espérantiste, pour le succès duquel il consent à échanger des cartes postales illustrées avec toutes les parties du monde; c'est alors encore que nous le voyons donner des conférences à la Société d'Astronomie, à l'Extension de l'Ecole Normale (où il fait organiser un cours d'Esperanto), à l'Association de Photographie de Gand, à la Fédération des Athénées d'Anvers, à l'Université de Bruxelles, etc., et enfin, quelques semaines avant de reprendre le chemin de l'Afrique, décider la création d'un journal Espérantiste Belge, préparer celui-ci jusque dans les moindres détails et assurer son existence.

En Afrique même, où, sur sa demande, je le tins régulièrement au courant des progrès de notre idée tant dans le monde qu'en Belgique, il ne cessa pas un seul instant d'être en esprit auprès de nous et dans les lettres, que je recevais presque à chaque courrier, il m'entretenait fréquemment des questions vitales de notre entreprise et me relatait la propagande pour l'Esperanto qu'il réussissait à faire, même dans ces solitudes où pourtant il était presque seul à représenter le monde civilisé. Aux jours les plus sombres d'une entreprise pleine de périls, aux heures les plus tragiques, son esprit et son cœur encore se reportaient vers nous et, à certaines heures où il put craindre que la terre brûlante d'Afrique ne réclamât encore le sacrifice de son existence, il m'écrivait : « Si je venais à tomber ici, vous diriez aux Espérantistes que j'ai pensé une dernière fois à leur belle idée et que, parmi mes derniers vœux, j'aurai fait celui de leur plein succès ».

Savant et lettré, explorateur énergique et vulgarisateur infatigable, défenseur enthousiaste de toutes les belles causes, le Commt Ch. Lemaire pratique toutes ces qualités avec une amabilité exquise unie à une franchise toute militaire, qui provoquent immédiatement la sympathie et l'attachement de tous ceux qui l'approchent.

La « Belga Sonorilo », qui lui doit et la vie et le nom, est très heureuse de son retour en Belgique et envoie un très cordial salut de bienvenue à ce vaillant pionnier de notre cause.

Dr Maurice SEYNAEVE.

Bleu » *dank aan de edelmoedigheid van eenige vrienden, even rap in propagandabrochuur vereenigd, die naar de vier hoeken van het land gezonden wordt; en de moedige officier, meenende den voorspoed van het Esperanto in België verzekerd te hebben, scheept in voor Afrika.*

*Maar toen hij, omstreeks het einde van 1900, in het land terugkeerde, waren de uitslagen zijner pogingen verdwenen en hij moest den strijd herbeginnen. 't Is dan dat wij hem zien, niettegenstaande drukkende werken, opnieuw de meening opwekken door ononderbrokene drukpersartikels, hem alleen eene Esperantische afdeeling zien inrichten en bereiden in de Zeetentoonstelling van Antwerpen, voor welke hij toestemt geïllustreerde postkaarten met alle deelen der wereld te wisselen; 't is dan ook dat wij hem voordrachten zien geven en de sterrekundige Maatschappij, in de Normaalschooluitbreiding (waar hij eenen leergang van Esperanto doet inrichten) in de* « Association de Photographie » *van Gent in de* « Fédération des Athénées d'Anvers ». *in de Hoogeschool van Brussel, enz., en eindelijk, eenige weken vooraleer den weg naar Afrika te hernemen, de stichting beslissen van een Belgisch Esperantisch blad, hetzelve voorbereiden tot in zijne bijzonderheden en zijn bestaan verzekeren.*

*In Afrika zelfs, waar, op zijne vraag, ik hem regelmatig op de hoogte hield van den vooruitgang van ons gedacht zoowel in de wereld als in België, hield hij niet één oogenblik op van in den geest bij ons te zijn en in de brieven, welke ik bijna bij elke uitdeeling ontving, onderhield hij mij dikwijls over de bestaanmiddels onzer onderneming, en hij verhaalde mij wat hij voor de verspreiding van het Esperanto lukte te doen, zelfs in die eenzaamheden, waar hij evenwel bijna alleen was om de beschaafde wereld te vertegenwoordigen. Op de somberste dagen eener gevaarvolle onderneming, op de droevigste uren, was zijn geest en zijn hart nog tot ons gericht en, op zekere uren, binst welke hij te vreezen had dat de brandende grond van Afrika het offer van zijn bestaan eischen zou, schreef hij mij :* « *Indien ik hier viele, zeg aan de Esperantisten dat ik eene laatste maal aan hunne schoone onderneming gedacht heb, en dat onder mijne laatste wenschen, ik dezen van hun volkomen slagen gevormd heb.* »

*Geleerde en letterkundige, krachtdadige vorscher en onvermoeibare verspreider, geestdriftige verdediger van alle schoone zaken, beoefent M. de Bevelhebber Lemaire al deze hoedanigheden met eene keurige beminnelijkheid die oogenblikkelijk de samenneiging en de verkleefdheid verwekken van allen die hem naderen.*

*De* « *Belga Sonorilo* » *die hem én het leven én den naam verschuldigd is, is zeer gelukkig over zijne terugkomst in België en zendt een zeer hartelijken welkomgroet aan dezen moedigen baanbreker onzer zaak.*

Vertaald door A. J. WITTERYCK.

## Kongreso en Boulogne-sur-Mer.

La direktanta Komitato de la Kongreso, kunigis en broŝuro ĉiujn kongresajn projektojn ricevitajn ĝis la 15a de Junio. La loko mankas ĉe nia modesta revuo por reprodukti eĉ parton de tiu kolekto. Ni nur donos la nomaron de la projektoj :

I. Projekto de Regularo de Tutmonda Ligo Esperantista, de Dro L. Zamenhof.
II. Aldono al tiu projekto, propono de Dro L. Zamenhof.
III. Projekto de la Grupo Esperantista Pariza.
IV. Projekto de la « Societo Franca por propagando de Esperanto ».
V. Ŝanĝproponoj al la projekto de la S. F. P. E, prezentataj de Dro M. Seynaeve.
VI. Projekto de la Grupo de St Omer.
VII. Projekto de « Esperantistaro Klubo » de Kapitano Comte.
VIII. Projekto de Sro Aymonier.
IX. Projekto de Deklaracio pri la esenco de la Esperantismo de Dro L. Zamenhof.

La Kosto de la broŝuro estas 25 centimoj.

La aliĝantoj al la Kongreso ricevos ĉiujn necesajn dokumentojn. Ni memoru ke oni devas tuj enskribiĝi kaj sendi kotizaĵon rekte al la prezidanto de la Grupo de Boulogne-sur-Mer, advokato Michaux, 25, rue Wissocq.

La Kongreso komencos la 5an de Aŭgusto, vespere.

Pri loĝado kaj aliaj sciigoj, oni trovos adresojn kaj utilajn informojn en nia antaŭa numero. La nombro de aliĝantoj kreskas ĉiutage, tial ni rekomendas al niaj amikoj, kiuj ĝis nun ne skribis, ke ili skribu tuje, se ili deziras ricevi bonan loĝon.

Granda festeno estos oferata al Dro Zamenhof, al la Urbestraro kaj al la Presaro : Tiuj kiuj volas ĉeesti devos enskribi sin ĉar oni povos garantii nur 500 seĝojn. La prezo de la Festeno estos 8 frankoj Post la festeno, granda balo. Tiu ĉi festo okazos en « Kasino » apud la maro, la lundon 7an de Aŭgusto.

Granda Ekspozicio estos organizata. Ĉiuj grupoj esperantistaj estas petataj sendi kiel eble plej multajn dokumentojn al Sro Deligny, sekretario de la grupo de Saint-Omer (France).

GRAVA ALVOKO. — La unua Kongreso estonte, laŭ la parolo de Dro Zamenhof, la paĝo la plej serioza de la Esperanta historio, estas necese ke ĉiu esperantisto respondu jese al nia alvoko. Tiu ĉi elmontro devas fari grandan impreson tra la tuta mondo, ĝi devos ĝajni la indeferentulojn kaj plie venki la malamikojn. Estas pro tiu celo ke Dro Zamenhof prezidos la unuan kongreson kaj volas ke ĉiu ĉeestanto subskribu kun li la netuŝeblajn kaj fundamentajn regulojn de la lingvo. — Do, ĉiu vera esperantisto devas veni al Kongreso, malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj. Li tiel tre helpus la definitivan triumfon de nia kara afero...

ĈIU GRUPO KIU NE POVAS SENDI DELEGATON, ĉiu esperantisto kiu ne povas veni, devos sin reprezentigi almenaŭ per LETERO ENVAHANTA KONGRESAN KARTON.

Ni insistas pri tiu lasta grava punkto.

## Tra la Mondo Esperantista.

Nova metodo por lerni, Esperanton sen profesoro estas aro de dek lecionoj, kunligitaj en libro, kiuj montras tute novan manieron lerni la lingvon. La aŭtoroj Sroj Alfred Michaux kaj Paul Boulet ricevis tre belajn rezultatojn kaj ne ŝanceliĝis por vastigi la rimedon inter la Esperantistoj ; ni ne dubas pri la sukceso de tiu metodo tre originala.

Sro E. Ĉefeĉ el Londono, publikigas propagandajn ŝlosilojn en la lingvoj angla, germana kaj franca ; baldaŭ la itala, hispana, rusa kaj sveda eldonoj estos pretaj. La broŝureto pezas nur kvin gramojn, oni ĝin povas facile enmeti en leteron kaj ĝi anstataŭas feliĉe la foliojn-vortaretojn anoncitajn en la malnovaj lernolibroj, kiuj ne ekzistas plu ĉe librejoj.

El Anglujo ni ankaŭ ricevis horon titolitan « Antaŭen ! » verkitan por la Bulonja Kongreso de Adela

### A travers le monde Espérantiste.

La nouvelle méthode pour apprendre l'Esperanto sans professeur est une suite de 10 leçons, réunies en volume, qui indique une toute nouvelle façon d'étudier la langue. Les auteurs MM. Alfred Michaux et Paul Boulet ont obtenu des résultats splendides et n ont pas hésité à propager le système parmi les Espérantistes ; nous ne doutons pas du succès de cette méthode originale.

Monsieur E. Ĉefeĉ de Londres, publie des « clefs » de propagande en anglais en allemand et en français ; bientôt les éditions italienne, espagnole, russe et suédoise seront prêtes. La petite brochure ne pèse que 5 grammes, on peut facilement l'insérer dans une lettre et elle remplace, d'une façon heureuse, les feuilles-dictionnaires annoncées dans les anciens manuels, et qui n'existent plus en librairie.

D'Angleterre nous avons aussi reçu un Chœur intitulé « En Avant » composé en vue du Congrès de Boulogne par Adela

### Dwars door de Esperantische wereld.

*De nieuwe leerwijze om het Esperanto zonder meester te leeren, is eene reeks van 10 lessen, in boek vereenigd, die eene gansch nieuwe manier aanduidt om de taal aan te leeren. De schrijvers, HH. Alfred Michaux en Paul Boulet hebben prachtige uitslagen bekomen en hebben niet geaarzeld het stelsel onder de Esperantisten te verspreiden ; wij twijfelen geenszins aan den bijval dezer eigenaardige leerwijze.*

*Mijnheer E. Ĉefeĉ van Londen, geeft propaganda — « sleutels » uit in 't Engelsch, in 't Duitsch en in 't Fransch ; welhaast zullen de Italiaansche, Spaansche, Russische en Zweedsche uitgaven gereed zijn. Het klein boekje weegt slechts 5 grammen, men kan het gemakkelijk in eenen brief steken en het vervangt, op gelukkige manier, de plaats der woordenboek-bladen, in de oude handleidingen vermeld, en die in den boekhandel niet meer te vinden zijn.*

*Uit Engeland hebben wij ook eenen koorzang ontvangen, getiteld « Vooruit », getoonzet door Adela Schafer voor het Kongres van*

Schafer. Ni esperas aŭdi tiun novan kanton dum la koncertoj preparitaj ĉe la dirita Kongreso kaj eble ĝin kanti hore kun niaj ĉiulandaj amikaj.

Tutmonda Jarlibro Esperantista, enhavanta la adresaron de D^ro^ Zamenhof por 1905 estas eldonita de firmo Hachette kaj K^io^. Tiel la 1904^a^ eldono, tiu libro enhavas multajn erarojn; la Belgaj grupoj kies komitatojn ni regule korektis laŭ okazo, estas fantazie montritaj; plie, la sciigoj kiujn ni persone adresis al la redakcio pri la ŝanĝoj de niaj adresoj ne estas korektitaj. Unuvorte tiu libro, kies utileco estas diskutebla, povas nur enkonduki bedaŭrindajn erarojn por tiu, kiu ĝin akceptas, tiel Evangelion.

* * *

« Esperanto » la tria ĵurnalo kiu elektis tiun titolon estas grava propaganda ĵurnalo kies unuan numeron ni ricevis. Ĝi estas redaktita duone en Esperanto kaj duone en Franca lingvo kaj aperos dufojojn ĉiumonate. Ni jam ĝin anoncis en nia antaŭa numero kaj la ricevita numero donas al ni bonan esperon pri ĝia sukceso, pri la utila propagando kaj pri la grava helpo kiujn ĝi alportos al nia afero. La administranto estas S^ro^ Paul Berthelot kaj la ĉefredaktoro S^ro^ Ch. Lambert, ambaŭ Esperantistoj kiuj de longe montris sian sindonemon kaj sian sperton. Pri la abono (nur 3 frankoj por 24 numeroj) sin turni al S^ro^ Emile Gasse, 71, rue Michelet, Le Havre (Seine-Inférieure) Francujo.

Okaze je la tricentjara datreveno de « La Sprita junko Don Kihoto de Manĉujo » la ĵurnalo « La Suno Hispana » eldonis specialan numeron enhavantan fragmentojn de Cervantes'aj verkoj, tradukitajn de Hispanaj Esperantistoj. Tiun ĉi 17^an^ numeron oni sendos al la neabonantaj personoj kiuj ĝin petos kunigante 0,50 frankojn al la Direktoro de la ĵurnalo, Aŭgusto Jimenez Loira, Godella, en Valencia (Hispanujo). Ni multe rekomendas aĉeton de tiu bela ĵurnalo, ĉar ĝi montras utilecon de Esperanto por fruktodona vastigado de niaj naciaj literaturaj verkoj.

Niaj legantoj scias ke la Itala ĵurnalo « Esperantista » jam de kelkaj monatoj, ne plu aperis. Novan ĵurnalon titolitan « Gefrataro Esperanta » ni ricevis, kiu havas samajn direktantojn. Ĝi estas monata gazeto por propagando de la lingvo, sed en ĝia programo, ĝi anoncas ke ĝi precipe batalos kontraŭ la milito kaj duelo. Multaj Esperantistoj opinias, prave aŭ malprave, ke milito kaj duelo estas aferoj tute necesaj en la nunaj kondiĉoj de civilizacio; tial nia juna Itala kunfrato, malgraŭ ĝia bona intenco, sin turnas nur al parto

---

Schafer. Nous espérons entendre ce nouveau chant pendant les concerts préparés pour le dit Congrès et peut-être pourrons-nous le chanter, à l'unisson avec nos amis de tous pays.

L'Annuaire Universel Espérantiste, contenant l' « adresaro » du Docteur Zamenhof pour 1905 est édité par la maison Hachette et C^ie^. De même que l'édition de 1904, ce volume contient beaucoup d'erreurs; les groupes belges dont nous annonçons régulièrement les modifications qui se produisent dans les comités, sont présentés d'une façon fantaisiste; de plus, les informations que nous avons personnellement adressées à la rédaction au sujet des changements de nos adresses ne sont pas corrigées. En un mot, ce livre dont l'utilité est discutable, ne peut qu'induire en erreur celui qui l'accepte comme Evangile.

* * *

« Esperanto » le troisième journal qui a choisi ce titre, est une importante publication de propagande dont nous avons reçu le premier numéro. Il est rédigé moitié en Esperanto et moitié en français et paraît deux fois mensuellement. Nous l'avons déjà annoncé dans notre numéro précédent et l'exemplaire reçu nous donne bon espoir pour son succès, pour l'utile propagande et pour l'aide puissante qu'il apporte à notre cause. L'administrateur est M. Paul Berthelot et le rédacteur en chef M. Charles Lambert, l'un et l'autre Espérantistes qui ont montré, depuis longtemps, leur dévouement et leur expérience. Pour l'abonnement (3 fr. pour 24 numéros) s'adresser à l'adresse donnée au texte Espérantiste. A l'occasion du troiscentième anniversaire du « Spirituel Hidalgo Don Quichotte de la Manche » le journal » La Suno Hispana » a édité un numéro spécial contenant des fragments de l'œuvre de Cervantes, traduits par des Espérantistes espagnols. On enverra ce 17^me^ numéro aux personnes non abonnées qui le demanderont en joignant 0.50 fr. (Voir adresse ci-dessus).

Nous recommandons vivement l'achat de ce beau numéro, car il montre l'utilité de l'Esperanto pour répandre fructueusement nos littératures nationales.

Nos lecteurs savent que le journal italien « Esperantista » a cessé de paraître depuis quelques mois. Un nouveau journal, intitulé « Gefrataro Esperanta » vient de nous arriver, ses dirigeants sont les mêmes. C'est une revue mensuelle pour la propagande de la langue, mais dans son programme, elle annonce qu'elle s'attaquera surtout à la guerre et au duel. Beaucoup d'Espérantistes sont d'avis, à tort ou à raison, que la guerre et le duel sont des choses de toute nécessité dans les conditions actuelles de la civilisation; c'est pourquoi notre jeune confrère italien, malgré ses bonnes intentions, ne s'adresse

---

*Boulogne. Wij hopen dit nieuw gezang te hooren binst de concerten voor gezegd Kongres voorbereid, en misschien zullen wij het kunnen gelijkstemmig zingen met onze vrienden van alle landen.*

*Het algemeen Esperantisch Jaarboek, behelzende het « Adresaro » van Dokter Zamenhof voor 1905 wordt uitgegeven door het huis Hachette en C^ie^. Zooals de uitgave van 1904, bevat dit boek veel misslagen; de Belgische groepen, waarvan wij de veranderingen die in de besturen plaats grijpen regelmatig melden, zijn op eene willekeurige manier voorgesteld; wat meer is, de verklaringen welke wij persoonlijk aan de opstellers gezonden hebben, nopens de verandering onzer adressen, zijn niet verbeterd. In een woord, dit boek, welks nut betwistbaar is, kan slechts dezen die het als Evangelie aannemen in dwaling brengen.*

* * *

*« Esperanto » het derde blad dat deze hoofding gekozen heeft, is eene belangwekkende propaganda-uitgave, waarvan wij het eerste nummer gekregen hebben. Het is half in het Esperanto en half in 't Fransch opgesteld en verschijnt twee maal per maand. Wij hebben het reeds in ons vorig nummer aangekondigd, en het exemplaar dat wij ontvangen hebben geeft ons goede hoop voor zijnen bijval, voor de nuttige verspreiding en voor de krachtige hulp welke het onze zaak bijbrengt. De Bestuurder is M. Paul Berthelot en de Hoofdopsteller M. Charles Lambert, de eene en de andere Esperantisten die, sedert lang, hunne verkleefdheid en hunne ondervinding getoond hebben. Voor de inschrijving (3 fr. voor 24 nummers), wende men zich tot het adres aangeduid in den Esperantischen tekst. Ter gelegenheid van de driehonderdste verjaring van den « Geestigen Hidalgo Don Quichot van de Mancha » heeft het blad « La Suno Hispana » een bijzonder nummer uitgegeven, behelzende eenige brokken van het gewrocht van Cervantes, vertaald door Spaansche Esperantisten. Men zal dit 17^e^ nummer zenden aan de niet-ingeschrevenen die het zullen vragen, met bijvoeging van 0,50 fr. (Zie adres hierboven).*

*Wij bevelen vuriglijk den aankoop van dit schoon nummer aan, want het betoont het nut van het Esperanto, om met vrucht onze nationale letterkunden te verspreiden.*

*Onze lezers weten dat het Italiaansch blad « Esperantista » sedert eenige maanden opgehouden heeft te verschijnen. Een nieuw blad, met hoofding: « Gefrataro Esperanta » is ons geworden; zijne bestuurders zijn de zelfde. Het is een maandelijksch overzicht van de verspreiding der taal, maar in zijn programma kondigt het aan dat het vooral den oorlog en het tweegevecht zal aanvallen. Veel Esperantisten zijn van meening, met of zonder reden, dat de oorlog en het tweegevecht hoogst noodzakelijke dingen zijn in de tegenwoordige voorwaarden der beschaving; 't is daarom dat onze jonge Italiaansche medebroeder, niettegenstaande zijne goede*

de la Esperantista mondo. Ni deziras al ĝi multe da sukceso ĉar Esperanto, kiel suno, brilas por ĉiuj kaj estas utila, eĉ baldaŭ estos tute necesa par ĉiuj liberaj homoj.

La redaktoro kiu ricevas la abonpagojn estas advokato Rafaelo Bagnulo, Largo Gesu e Maria nº 4. Napolo (Italujo).

« Tra la Mondo » tutmonda ilustrata revuo esperantista aperos por la Bulonja Kongreso. La unua numero kostos 60 centimojn afrankite, la aliaj 0,75. La abono kostos 8 frankojn por ĉiuj landoj. Sin turni al la Administranto de « Tra la Mondo » 15, Boulevard des deux gares, Meudon (Seine et Oise) Francujo.

***

Ni ricevis la protokolon de la unua kunveno de « Pacifisto » internacia Societo Esperantista por la Paco kaj ankaŭ la provizoran regularon proponitan en tiu kunveno.

Baldaŭ la Societo havos regulan revuon nomotan « Espero Pacifista » kiu aperos ankaŭ por la Kongreso. La provizora prezidanto estas Sro Gaston Moch al kiu ni devas la unuajn pruvojn de propagando en Belgujo. Por la Societo aŭ ĝia organo, sin turni al Sro Gaston Moch, 16 Avenue de la Grande Armée Paris, 17e.

Alia Societo fondiĝis en Palermo sub nomo de « Sicilia Federacio Esperanta. » Tiu Societo intencas proponi al la redakcio de grava Itala revuo « Sicilio Universata » publikigon en tiu revuo de Esperantaj tradukajoj sed ĝi devas rikolti almenaŭ 600 abonantojn. Ni opinias ke tiu deziro de la Federacio estos malfacile plenumota, ĉar nun oni petas multe tro da ĉiuspecaj abonoj de la Esperantista aro.

Ni ankaŭ ricevis strangan ĵurnalon, tipografie eldonitan, kies titolo estas tradukita en dekses lingvoj! Kompreneble la redaktoroj de « Politika Raportanto » tute nescias ke Esperanto ekzistas, ĉar ili facile povus malgrandigi la elspezojn de la ĵurnalo se ili eldonus ĝin nur en Esperanto. Por la scivoluloj, tiu ĵurnalo aperas en Budapest (Hungarujo) Palais New-York. Ĝia kosto estas ankoraŭ facile atingebla: sesdek frankoj por unu monato, t. e. d. 720 frankoj jare!

***

La delegacio por enkonduko de Internacia helpa lingvo ricevis kelkajn novajn aliĝojn. Sed oni ĝenerale opinias ke la Esperanta mondo ne sufiĉe rikoltas subskribojn; multaj amikoj niaj, tre facile, povus altiri al la Ideo, multajn personojn, kiujn Esperanto timigas. Ni memoru ke la Delegacio celas precipe akcepton de la principo de Helpa lingvo kaj kunigas la adeptojn kaj aprobantojn de la Ideo pri dua lingvo, kiu ajn ĝi estas.

---

qu'à une partie du monde Espérantiste. Nous lui souhaitons beaucoup de succès car l'Esperanto, comme le soleil, brille pour tous et est utile, même bientôt sera indispensable à tous les hommes libres. (Voir adresse ci-dessus).

« Tra la Mondo » revue universelle illustrée, en Esperanto, paraîtra pour le Congrès de Boulogne. Le premier numéro coûtera 60 centimes franc de port, les autres 0.75. L'abonnement 8 francs par an. (Voir adresse ci-dessus).

***

Nous avons reçu le procès-verbal de la première réunion de « Pacifisto » Société internationale Espérantiste en faveur de la Paix et aussi le règlement provisoire proposé à cette réunion. Bientôt la Société aura une revue régulière nommée « Espero Pacifista » qui paraîtra aussi pour le Congrès. Le président provisoire est M. Gaston Moch, à qui nous devons les premiers essais de propagande en Belgique. (Voir adresse ci-dessus).

Une autre Société s'est fondée à Palerme sous le nom de Fédération Sicilienne Espérantiste. Cette Société a l'intention de proposer à la rédaction d'une importante revue italienne: « La Sicile universitaire » la publication, dans cette revue, de traductions en Esperanto mais elle doit lui amener au moins 600 abonnés. Nous sommes d'avis que le désir de la Fédération s'accomplira difficilement, car pour le moment on demande beaucoup trop d'abonnements de toute espèce à la gent Espérantiste.

Nous avons aussi reçu un étrange journal, édité en typographie, dont le titre est traduit en 16 langues! Il va de soi que les rédacteurs du « Rapporteur politique » ignorent complètement que l'Esperanto existe car ils auraient pu facilement diminuer les dépenses du journal s'ils ne l'avaient édité qu'en Espéranto. Son prix est encore facilement accessible: 60 francs par mois, c'est-à-dire 720 francs par an!

***

La délégation pour l'adoption d'une langue auxiliaire Internationale a reçu quelques nouvelles adhésions. Mais on estime généralement que le monde Espérantiste ne récolte pas suffisamment d'inscriptions; beaucoup de nos amis, pourraient fort facilement attirer à l'Idée, bon nombre de personnes que l'Esperanto effraie. Rappelons que la Délégation a pour but principal l'acceptation du principe d'une langue auxiliaire et réunit les adeptes et les approbateurs de l'Idée d'une langue seconde, quelle qu'elle soit.

*inzichten, zich slechts tot een deel der Esperantische wereld richt. Wij wenschen hem veel voorspoed, want het Esperanto, gelijk de zon, schijnt voor allen en is nuttig, zelfs zal het welhaast voor alle vrije lieden onontbeerlijk zijn. (Zie adres hierboven).*

*Zal verschijnen voor het Kongres van Boulogne « Tra la Mondo » geïllustreerd wereld-overzicht, in het Esperanto. Het eerste nummer zal 60 centiemen kosten (vrachtvrij), de andere 0,75 fr. De inschrijving 8 frs 's jaars. (Zie adres hierboven).*

***

*Wij hebben het verslag ontvangen der eerste vergadering van « Pacifisto » Wederlandsche Esperantische maatschappij ten voordeele van den vrede, alsook hare voorloopige verordening, op deze vergadering voorgesteld. De Maatschappij zal welhaast een regelmatig tijdschrift bezitten, genaamd « Espero Pacifista » dat ook voor het Kongres zal verschijnen. De voorloopige voorzitter is M. Gaston Moch, wien wij de eerste proeven tot propaganda in België verschuldigd zijn. (Zie adres hierboven).*

*Eene andere maatschappij is gesticht te Palerma onder den naam van « Siciliaansche Esperantische Bond ». Die maatschappij is van zin, aan den opstelraad van een belangrijk Italiaansch Overzicht: « La Sicile universitaire » voor te stellen, in dit overzicht vertalingen in het Esperanto uit te geven, maar zij moet minstens 600 inschrijvers medebrengen. Wij zijn van gevoelen dat de wensch van den Bond zich moeilijk zal vervullen, want, voor het oogenblik vraagt men te veel inschrijvingen van alle slach aan het Esperantische volk.*

*Wij hebben ook een vreemdsoortig blad ontvangen, uitgegeven in typographie, welks titel in 16 talen vertaald is! Voorzeker weten de opstellers van den « Politischen Verslaggever » in 't geheel niet dat het Esperanto bestaat, want zij hadden gemakkelijk de kosten van het blad kunnen verminderen indien zij het slechts in het Esperanto hadden doen verschijnen. Zijn prijs is nog eens gemakkelijk om betalen: 60 frs te maande, 't is te zeggen 720 frs 's jaars!*

***

*De afvaardiging voor de aanname eener Wederlandsche hulptaal heeft eenige nieuwe aanhangers gekregen. Maar men denkt algemeen, dat de Esperantische wereld geene inschrijvingen genoeg inoogst; velen onzer vrienden, zouden gemakkelijk kunnen een groot getal personen, wien het Esperanto afschrikt, tot het gedacht aantrekken. Herinneren wij dat de Afvaardiging voor doel heeft: de aanname van den grondregel eener hulptaal en zij vereenigt de aanhangers en de voorstaanders van het gedacht eener tweede taal, dewelke zij ook weze.*

Ni do petas, ke ĉiuj niaj samideanoj perdu nenian okazon por altiri al Delegitaro aliĝojn de Societoj aŭ Kongresoj, kaj aprobojn (subskribojn) de Akademianoj aŭ Universitatanoj. Ofte estas pli facile, gajni la aprobon de persono aŭ precipe de aro al la ĝenerala ideo de L. I. ol al Esperanto mem. Krom tio, oni tiel evitas disputojn malutilajn kaj senfinajn pri la plej bona sistemo, kaj detalajn kritikojn, pli aŭ malpli lertajn, pri Esperanto. Eĉ okazas ofte, ke nur per tia metodo oni povas ricevi, en Societo au Kongreso, unuaniman voĉdonon.

Jos. JAMIN.

Nous demandons donc que tous nos amis ne perdent aucune occasion d'attirer à la Délégation l'adhésion des Sociétés ou Congrès et les approbations d'Académiciens et d'Universitaires. Souvent il est plus facile de gagner l'adhésion d'une personne et principalement d'un groupement à l'idée générale de L. I qu'à l'Esperanto même. Outre cela, on évitera des discussions inutiles et sans fin au sujet du meilleur système et des critiques détaillées, plus ou moins habiles, de l'Esperanto.

Il arrivera même souvent que, rien que par cette méthode, on pourra obtenir, dans une société ou un Congrès, un vote unanime.

Jos. JAMIN.

*Wij vragen dus dat onze vrienden geene enkele gelegenheid verliezen om den aanhang der Maatschappijen of der kongressen en de goedkeuringen van Akademieleden en Hoogleeraars tot de Afvaardiging aan te trekken. Dikwijls is het gemakkelijker eenen persoon en voornamelijk eene groep personen voor het algemeen gedacht van W. T. te winnen dan voor het Esperanto zelven. Buiten dat, zal men alzoo nuttelooze en doellooze woorden vermijden over het beste stelsel, en lange, min of meer behendige kritieken over het Esperanto.*

*Het zal zelfs dikwijls gebeuren dat men, alleenlijk door dit stelsel, in eene maatschappij of een kongres, eene algemeenheid van stemmen zal kunnen bekomen.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

## Belga Movado.

Grava Kunveno de Belgaj Esperantistoj okazis la 25an de Junio je la sidejo de la Antverpena Grupo Esperantista. Kelkaj samideanoj organizis tiun kunvenon, per apartaj invitoj, por ekzameni la rimedojn de pli aktiva propagando en Belgujo. Ili invitis ankaŭ kelkajn partianojn de ia helpa lingvo, kvankam ne Esperantistoj.

Multaj Esperantistoj respondis al tiu alvoko. Je la komenco de la kunsido, oni legis la leterojn de la personoj kiuj, pro diversaj kaŭzoj, ne povis alesti al la kunveno, inter ili la leterojn de Sroj Senatano Houzeau de Lehaye, generalo de Tilly, geologisto Mourlon, frato Isidore, k. t. p.

Kelkajn proponojn oni prezentis, inter ili oni decidis organizon de centra belga Ligo.

Oni voĉdonis, unuanime, la sekvantajn decidajojn:

1a. Estas necese organizi Ligon kunigantan ĉiujn Belgajn partianojn de Esperanto.

2a. Estas necese petegi, por la Ligo, altan patronaron.

Sroj Coox, Seynaeve kaj Raym. Van Melckebecke estas difinitaj por prezenti en baldaŭa nova kunveno, plenan projekton pri Ligo.

Oni traktis ankoraŭ kelkajn aliajn punktojn pri la enhavo de la ĵurnalo, ĝiaj tradukaĵoj, la plej bonaj rimedoj por varbi novajn adeptojn k. t. p.

Dua kunveno estas decidita, en kiu oni akceptos definitive Regularon de la Ligo kaj voĉdonos por la direktanta komitato.

### Mouvement Belge.

Une réunion importante d'Espérantistes belges a eu lieu le 25 juin au local du groupe Espérantiste d'Anvers. Quelques adeptes avaient organisé cette réunion, par invitations particulières, afin d'examiner les moyens d'activer la propagande en Belgique. Ils avaient aussi invité quelques partisans d'une langue auxiliaire quoique n'étant pas Espérantistes.

De nombreux Espérantistes répondirent à cet appel. Dès le commencement de la séance, on donna lecture des lettres des personnes qui, pour des causes diverses, ne pouvaient assister à la réunion, parmi lesquelles les lettres de M. le sénateur Houzeau de Lehaye, du général de Tilly, du géologue Mourlon, du frère Isidore, etc.

Plusieurs propositions furent présentées, parmi lesquelles on décida l'organisation d'une Ligue centrale belge.

Les décisions suivantes furent votées à l'unanimité :

1o Il y a lieu d'organiser une ligue réunissant tous les belges partisans de l' Esperanto.

2o Il y a lieu de solliciter, pour cette ligue, de hauts patronages.

MM. Coox, Seynaeve et Raym. Van Melckebecke furent qualifiés pour présenter à une prochaine réunion un projet complet de ligue.

On traita encore quelques autres points, entre autres au sujet du contenu du journal, ses traductions, les meilleurs moyens de recruter de nouveaux adeptes, etc.

Une seconde réunion fut décidée, dans laquelle on acceptera définitivement le Règlement de la Ligue et dans laquelle on élira le comité directeur.

### Belgische Beweging.

*Eene belangrijke vergadering van Belgische Esperantisten heeft op 25en Juni plaats gehad in het lokaal van den Esperantischen kring van Antwerpen. Eenige aanhangers hadden deze vergadering door bijzondere uitnoodigingen belegd, ten einde middelen te beramen om de propaganda in België te vermeerderen. Zij hadden ook eenige aanhangers eener hulptaal uitgenoodigd, niettegenstaande zij geene Esperantisten waren.*

*Talrijke Esperantisten beantwoordden dien oproep. Van in het begin der vergadering, gaf men lezing der brieven van personen die, om verscheidene oorzaken de vergadering niet konden bijwonen, waaronder de brieven van M. den Senator Houzeau de Lehaye, van generaal de Tilly, van den aardkundige Mourlon, van Broeder Isidoor, enz.*

*Verscheidene voorstellen werden gedaan, onder welke men de inrichting van een Belgischen Midden-bond besliste.*

*De volgende beslissingen werden met algemeenheid gestemd:*

*1o Er moet een bond ingericht worden, die alle Belgen, aanhangers van het Esperanto, vereenigt.*

*2o Er moet, voor dezen bond, hooge bescherming aangevraagd worden.*

*De HH. Coox, Seynaeve en Raym. Van Melckebeke werden aangesteld om op eene aanstaande vergadering een volledig ontwerp van Vereeniging voor te stellen.*

*Men behandelde nog eenige andere punten, onder andere den inhoud van het blad, zijne vertalingen, de beste middelen om nieuwe aanhangers aan te werven, enz.*

*Eene tweede vergadering werd vastgesteld, binst welke men bepaaldelijk de verordening des Bonds zal aannemen en voor welke men den Bestuurraad zal kiezen.*

Pro baldaŭa fondo de la Ligo kaj aliaj diversaj kaŭzoj, eble la ĵurnalo ricevos multajn ŝanĝojn pri enhavo, abono, redakcio, k. t. p. La aŭgusta numero, kiu estos la lasta de nia tria jarkolekto kaj de la nuna redakcio klarigos tiujn punktojn.

***

Ni denove petas ĉiujn samideanojn, ke ili sendu rekte ĉe la redakcio, en Bruselo, ĉiujn sciigojn pri la Belga Movado kaj ankaŭ la ĵurnalojn kiuj raportas pri Esperanto. Oni diris al ni ke kelkaj ĵurnaloj, dum la pasinta monato, enhavis interesantajn artikolojn sed ni ne ricevis tiujn ĵurnalojn kaj ni ne povas anonci ilian afablan propagandon. La Belga Gazetaro ne ofte montras bonan akcepton, tial ni deziras multe enskribi la ĵurnalojn kiuj sin interesas pri nia afero.

« La Métropole », el Antverpeno, raportis mallonge pri la kunveno de Esperantistoj de la 25a Junio.

« Le Petit Hutois » komencis serion da artikoloj pri Esperanto kaj promesis al ni ĝian bonvolan helpon ĉe la regiono de Huy. Ĝi reproduktis la kliŝajon de nia ĵurnalo kun flatantaj parolaj; ni dankas ĝin tre sincere kaj esperas ke aliaj ĵurnaloj sekvos tiun vojon.

Jos. JAMIN.

Par suite de la prochaine fondation de la Ligue et pour d'autres causes diverses, le journal recevra peut-être plusieurs changements au sujet du contenu, de l'abonnement, de la rédaction, etc. Le numéro d'août, qui sera le dernier de notre troisième année et de la rédaction actuelle, donnera des détails sur ces points.

***

Nous prions encore une fois tous nos partisans d'envoyer directement à la rédaction, à Bruxelles, toutes les nouvelles du mouvement en Belgique et aussi les journaux qui s'occupent de l' Esperanto. On nous a dit que plusieurs journaux, le mois passé, contenaient d'intéressants articles mais nous n'avons pas reçu ces journaux et nous ne pouvons pas annoncer leur aimable propagande. La presse belge ne nous réserve pas souvent bon accueil, c'est pourquoi nous désirons beaucoup signaler les journaux qui s' intéressent à notre cause.

« La Métropole » d' Anvers a donné un compte-rendu succint de la réunion des Espérantistes du 25 juin.

« Le Petit Hutois » a commencé une série d'articles sur l'Esperanto et nous a promis son bienveillant concours dans la région de Huy. Il reproduit le cliché de notre journal avec quelques paroles flatteuses; nous l'en remercions très sincèrement et espérons que d'autres journaux suivront cette voie.

Jos. JAMIN.

*Tengevolge van de aanstaande stichting van den Bond, en van andere verschillige oorzaken, zal het blad misschien eenige veranderingen ondergaan in den inhoud, de inschrijving, den opstel, enz.*

*Het Oogstnummer, dat het laatste zal zijn van den derden jaargang en van den tegenwoordigen opstelraad, zal over deze punten inlichtingen geven.*

***

*Wij bidden nogmaals al onze aanhangers al de nieuwstijdingen over de beweging in België en ook de bladen die over het Esperanto handelen, rechtstreeks naar den Opstelraad te Brussel te zenden. Men heeft ons gezegd dat, gedurende de verleden maand, eenige dagbladen belangrijke artikelen inhielden, maar wij hebben deze bladen niet ontvangen en wij kunnen hunne aangename propaganda niet aankondigen. De Belgische drukpers doet ons niet dikwijls goed onthaal; 't is daarom dat wij zeer begeren de aandacht te vestigen op de dagbladen die met onze zaak ingenomen zijn.*

*« La Métropole » van Antwerpen heeft een beknopt verslag gegeven over de vergadering van 25n Juni.*

*« Le Petit Hutois » heeft eene reeks artikelen over het Esperanto begonnen en heeft ons zijne welwillende medehulp beloofd in de streek van Hoei. Het geeft de titelplaat van ons blad met eenige vleiende woorden; wij bedanken het zeer rechtzinniglijk en hopen dat andere dagbladen dezen weg zullen volgen.*

Vertaald door A.-J. WITTERYCK.

# La vivo.

De N. GOGOL.

Mizera filo de l' dezerto vidis la sonĝon.

Kuŝas, etendante sin, la grandega maro Mediteranea kaj el tri diversaj flankoj ĝin rigardas la varmegaj bordoj de Afriko kun graciaj palmoj, la nudaj dezertaĵoj Siriaj kaj la multhoma bordo Eŭropa, elfosita ĉie de la maro.

En angulo, super la senmova maro, staras Egiptujo antikva. Piramido super piramido; granitoj, skulptitaj kiel sfinksoj, rigardas per la grizaj okuloj; sennombraj ŝtupoj deiras.... Ĝi staras majesta, — nutrata de granda Nilo, ĉie ornamita per misteraj signoj kaj sanktaj bestoj. Ĝi staras, kaj estas senmova, kvazaŭ ensorĉita, kvazaŭ mumio, nedetruebla per putro

Disĵetis la liberajn koloniojn gaja Grekujo. Sur la maro Mediteranea kuŝas en grandega amaso insuloj, dronigitaj de verdaj arbaretoj; cinamujoj, vinberaj vergoj, figarboj svingetas per la branĉoj; kolonoj, blankaj kiel la brusto de virgulino, elstariĝas en luksa mallumego arba. Pasia marmoro, vivigita de mirinda ĉizilo, spiras kaj honteme admiras sian ĉarman nudecon; ĉirkaŭvolvita per tufoj, havanta tirsojn kaj kalikojn en la manoj, la popolo haltiĝis en la mezo de brua dancado. Pastrinoj junaj kaj graciaj kun dismetitaj haroj, inspiriĝe rigardas per siaj nigraj okuloj. Kaneroj kunigitaj en ŝalmo, timpanoj, briletas, ĉirkaŭvolvitaj per hedero. Ŝipoj kiel muŝoj staras amasege apud Rodoso kaj Korciro, submetante siajn volupteme kurbiĝantajn flagojn al venta spirado. Kaj ĉio malmoviĝas kvazaŭ en ŝtoniĝinta majesteco.

Fera Romo staras kaj disvastiĝas, direktante arbaron da ponardegoj kaj brilante per minaca ŝtalo de glavoj, fiksinte al ĉio siajn enviemajn okulojn kaj etendinte la tendenan manon. Sed ĝi ankaŭ estas senmova, kiel ĉio, nek ŝanceletas siajn leonajn membrojn.

La tuta aero de l' ĉiela oceano estis pendanta kunpremita kaj sufoka. La grandega Mediteranea maro ne movetas sin, kvazaŭ la regnoj ĉeestas ĉiuj dum la terura antaŭmondfina juĝo.

Kaj diras Egiptujo, svingante siajn graciajn palmojn — loĝantojn de ĝiaj ebenaĵoj — kaj suprenlevante la pintojn de siaj obeliskoj: « Aŭdu, popoloj? Sola mi atingis kaj penetris la sekreton de la vivo kaj la sekreton de la homo. Ĉio estas pereema. Malaltaj estas la artoj, mizeraj la ĝuoj, ankoraŭ pli

mizeraj la gloro kaj heroaĵoj. La morto, morto potencas la mondon! Ĉion englutas la morto, ĉio vivas por la morto. Malproksime, malproksime estas la reviviĝo! Kaj ĉu venos iam ĝi, la reviviĝo? For la dezirojn kaj ĝuojn! Pli alten konstruu la piramidon, ho mizera homo, por kvankam iom plilongigi sian mizeran ekzistadon! »

Kaj diras la klara kiel ĉielo, kiel mateno, kiel juneco, luma mondo de la grekoj, kaj, ŝajnis, anstataŭ la vortoj aŭdiĝas spirado de ŝalmo : « La vivo estas kreita por vivi. Disvolvu la vivon kaj kune disvolvu ĝiajn ĝuojn. Ĉion portu por ĝuo! Rigardu, kiel hela kaj belega estas ĉio en la naturo, kiel ĉio spiras per konsento. Ĉio estas en la mondo, ĉio kion ajn dioj posedas, — ĉio sin trovas en ĝi; nur sciu trovi ĝin. Ĝuu, disimila kaj fiera posedanto de la mondo, kronu per kverko kaj laŭro la belan frunton! Rapidege kuru per kaleŝo, lerte regante ĉevalojn dum luksaj ludadoj. Pli malproksimen la profito kaj avido for de la libera kaj fiera animo! Ĉizilo, paletro kaj fluto estas ilia potenculo Ĉirkaŭvolvu per hedero kaj tufo vian bonodoran kapon kaj la belan kapon de via hontema amikino. Vivo estas kreita por vivo, por ĝuo, — sciu esti inda je ĝuo! »

Kaj diras ferkovrita Romo, skuante la brilan arbaron da ponardegoj : « Mi atingis la sekreton de la vivo homa. Malnobla estas la trankvileco por la homo : ĝi detruas lin en li mem. Malgranda estas por la animo la skalo de l'artoj kaj ĝuoj. Ĝuo sin trovas en grandegula volado. Malestiminda estas la vivo de l'popolaj kaj homo sen laŭtaj heroaĵoj. Gloron, gloron avidu, homo! En atako de nerakontebla gajeco, surdigita de sonado de fero, estu portata sur kunigitaj ŝildoj de militportaj legioj! Ĉu vi aŭdas, kiel apud viaj piedoj estas kunirinta la tuta mondo kaj, skuante ponardegojn, kunfandiĝis en unu krio? Ĉu vi audas, kiel nomo via pro teruro estas silentigata en buŝoj de l' gentoj, loĝantaj plej ekstreme de l' mondo? Plenigu ĉion, kion ajn via rigardo ĉirkaŭprenas, per via nomo. Eterne celadu : ne estas limoj por la universo, — ne estas limoj ankaŭ por dezirado. Sovaĝa kaj severa forkaptu ĉiam pli kaj pli la mondon, — vi almilitos, fine, la ĉielon. »

Sed eksilentis Romo kaj direktis orienten siajn aglajn okulojn. Al oriento turnis ankaŭ Grekujo siajn malsekajn pro ĝuo, belajn okulojn; al oriento turnis Egiptujo siajn malklarajn senkolorajn okulojn.

Ŝtonplena estas la tero; malestimata la popolo; nemulthoma vilaĝo almetiĝis al nudaj montetoj, ialoke nuancitaj malegale de figarbo sensuka. Post malalta kaj malnova barilo staras azenino. En ligna manĝujo kuŝas infano; super ĝi kliniĝis virga patrino kaj rigardas ĝin per okuloj plenaj je larmoj; super ĝi alte en la ĉielo staras stelo, kaj la tutan mondon eklumigis per mirinda lumo.

Enpensiĝis antikva Egiptujo, kovrita de hieroglifoj, malaltigante siajn piramidojn; senkviete ekrigardis bela Grekujo; mallevis la okulojn Romo al siaj ponardegoj; almetis la orelon Azio granda kun la popoloj-paŝtistoj; kliniĝis Ararato, antikva prapraprapatro de l' tero.....

Tradukita el la rusa
de A. VEJTCLER.

Teksto tirita el la rondira gazeto : « Kunfratiĝo. »

## Stelo de la Paŝtisto.

Kiam la Suno estis malaperinta okcidente, kiam la lasta radio ekglitis unu fojon ankoraŭ super la horizonto kaj mortis kiel malforta rememoro, la nokto komencis reĝi kaj oni ekvidis, en la puraj ĉielaltajoj, la radiluman planedon kiun kelkaj okuloj kun lorno ia, malkovras eĉ plentagmeze. Ĝia hela lumo samtempe plifortiĝis kiam la taga lumo malpliiĝis, samtempe ĝi malsupreniris al la okcidento. Kiam la malpezaj ombroj de la krepusko etendiĝis sur la teron, astro de l' Amo ekbruliĝis pli kaj pli, radiis per siaj plej fortaj fajroj, simile je flamo de eterna lumturo, flamiginta en la ĉiela oceano!! Vido la plej indiferenta, spirito fermita por la sciencaj aŭ la artistaj komprenaĵoj estas ekkaptitaj surprize pro tiu apero kaj la malkleraj homoj, pro sentoj de scivolo, demandas kia estas tiu stelo kiu brilas sola kun admireginda helo, en la silentaj kaj dolĉaj vesperoj.

Intermeze de malkvieta vivo, en niaj nuntempaj urboj kiuj, precipe nun, kunprenas la plimulton da homoj en pasiajn turniĝojn pli aŭ malpli blindigantajn, oni trovas ĉiam la vesperan brilegan stelon, por ĝin ankaŭ tuj forgesi! Sed, iam, en dolĉa kvieteco de l' kampoj aŭ de l' antikvaj urboj kiam estis nia vivo malpli rapida kaj pli vera, niaj rigardoj haltis longtempe sur diversaj vidaĵoj de l' naturo kaj la apero, kiu beligis nian ĉielon okcidentan, estis objekto de ĉiuj pensoj, de ĉiuj interparoladoj!! Oni pripensis.....

« Kia estis ja tiu stelo movema kiu ŝajnas valorigi sian lumon antaŭ la suna lumo ? »

Oni rimarkis ke neniam ĝi multe formovas de l'astro de l' tago kaj oni klarigis ĝiajn periodojn pri apero kaj malapero, pro movado ia ĉirkaŭ la suno.

Ĝia admirinda beleco, ĝia karesanta helo en malaperinta lumeco de la krepusko, ĝia blankeco en nokto pli kaj pli mallumiĝa, ĝia regeco en la vespera ĉielo je la tempo de l' ripozo, de la sonĝoj kaj de la konfidencioj, senteme igis nin nomi tiun astron ĉarman per simpatiaj nomoj! Tiam « Venus » estis la unua stelo admirata, amata, respektegata, eĉ timata! Ĝi estas nun la plej antikva kaj la plej populara el la diaĵoj. De la primitivaj tempoj, kiam ĝia klarega rigardo ekfajriĝis, tiu horo estis atendita de la fianĉino fidela kiu kunigis la belan planedon kun dolĉegaj sentoj, en sia koro!

Kiom da juroj eternaj aŭdis tiu blanka stelo dum la silento de la printempaj vesperoj, kiam la lastaj blovoj de l'atmosfero parfuma traglitas tra kampoj kaj arbaroj, kiel tremfrosto !

Vidiĝo mem de la steloj komencis mitologion : « Venus » fariĝis dia pro sia beleco, blanka kiel la lumo, perfekta kiel devenanta de l' sepa ĉielo, regnestra kiel la stelo kiu potencas la mondon.

Pli proksima je la Suno, pli rapida « Merkuro » estis sendito de l'Astro de l' tago kiu, eterne vojanĝanta havis flugilojn je la piedoj kaj, pli malfrue, estis dio de komerco, industrio, marveturado kaj ankaŭ la sankta serĉado pri medicino.

« Mars » kun siaj ruĝaj radioj, agema en sia marŝado karakterizis militon, batalon, sangverŝon!

Kvieta kaj majesta en sia irado cirkaŭ la stelaroj « Jupiter », la supra majstro, regis la ordon de l' mondo kaj tie, la pala « Saturne » malrapida kaj senbrila montris tempon kaj sorton.

« Vi, unua stelo ekfajrita nokte en la ĉielaltaĵoj, blanka kiel la lumo, bela kiel la tago, Dia Radio, kial do ni miris ke vi estus jam de longatempe, beleco kaj amo ? »

Kial ĝi ne estus ja stelo de l' Amo, tiel brilega kaj nekomparebla ?.... Se la tera paradizo ekzistis, la vespera stelo devis certe ĉarmi la okulojn de ĝiaj loloĝantoj, de tiu tempo ĝis nia tre plorinda finigo de centjaro.

Estas al ĝi ke forflugas la simplaj, la senkulpaj koroj kaj elspiras bonodorfumon kiun la stelo ricevas dankeme kaj ĝi petas al l'Astro de l' tago, por interŝanĝo, la Luman Radion kiu fruktigas la mondon kaj eternigas la vivon ! !

Teksto eltirita el la rondira gazeto : « Kunfratiĝo ».

Fraŭlino DAENEN,
Schaerbeek.

## L'azena buŝo kaj la mirakla bastono.

Kiam Dio malfermis la buŝon de l'azeno, kaj la eĥo de l'montoj ripetis la demandon ne solveblan « Kion, mi faris ke ci batas min ? », tiam la dezerto vigliĝis kaj diris tremvoĉe :

« Fine venis la tempo ! L'azenoj malfermis siajn buŝojn. Vekiĝu ankaŭ vi, ripozantaj en la dezerto!(1)»

Tiam la popolo vekiĝis kaj komprenis ke ĝi havis soifon, kaj ĝi firmakore postulis akvon.

Kaj Dio diris al Moiso : « Nun estas forpasinta la generacio de l'bastono ; la epoko de la parolo komenciĝis. Se ci elokvente parolos eĉ al roko, ĝi obeos cian voĉon kaj donos al ci akvon. »

Sed la balbutulo, (2) kiu kutimis voki la bastonon helpe, kiam la lipoj rifuzis lin servi, levis la bastonon kaj batis la ŝtonon.

La malfeliĉa ŝtono restis senmova kaj elverŝis riveron da larmoj. Tiam falegis la kolero sur Moison, ĉar li ofendis la honoron de l'epoko.

Kaj la koro de l'dezerto diris en malespero : « Kian utilon la azenoj povas havi per sia parolemo kaj demandemo, se la respondontoj ankoraŭ ne ĉesis puŝi kaj bati ? »

*El la hebrea lingvo trad.* I. ADLEMAN & A. KOFMAN.

(1) Aludo al la hebreoj, kiuj, estinte forlasinte Egiptujon, vagis en la dezerto antaŭ veni en la Promesitan landon.
(2) Moiso estis balbutulo.

## Esperantaj Verkoj.

### Lernolibroj, Literaturo, Propagandiloj, k. t. p.

*Notu bone.* — La montritaj ciferoj estas la kosto ĉe la vendistoj. Oni devas aldoni la sendpagon kiam oni deziras ricevi la librojn poŝte.
Ĉiam peto de sciigoj aŭ informoj estu sendota kun poŝtmarko por respondo.
Kun ĉia mendo oni devas aldoni pagon de la libroj menditaj.

DIVERSAĴOJ.

Ĉe Hachette et C[ie], 79, B[d] S[t] Germain, Paris.
**Tutmonda Jarlibro Esperantista** por 1905. in-16. 400 pagoj. — Prezo . . . . . . . . . . Fr. 2.50

Ĉe Esperanto Club, 14 Norfolk street, London W. C.
**Antaŭen** ! Ĥoro de Adela Schafer. — Prezo . . . . . . . . . . . . . . . . 2[d] (pencoj).

Ĉe E. Ĉefeĉ, 45 Christchurch Road, Streatham Hill, London S. W.
**Propagandaj Ŝlosiloj**.
Angla, Germana kaj Franca Eldonoj.
Prezo : 10 ekzempleroj . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 40 centimoj.
50 » . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1.75 frankoj.
100 » . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 3.00 frankoj.

Ĉe Imprimerie G. Hamain, 83, rue Faidherbe en Boulogne-sur-Mer, France.
**Nouvelle Méthode pour apprendre seul l'Esperanto**, par Alfred Michaux et Paul Boulet.
Sen prezo anoncita.

**AVIZO.** — Tiun ĉi rubrikon ni daŭrigos laŭ apero de novaj libroj.
La Esperantistoj de ĉiuj landoj povas peti senpagan enskribon post sendo de ia presita verko. Ili povas ankoraŭ informi nin pri forgesata verko aŭ pri eraro.

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* HACHETTE & C[ie] *et chez* SPINEUX & C[ie] *à Bruxelles.*

**Grammaire et exercices de la langue Internationale Esperanto** par L. DE BEAUFRONT. — Prix 1.50 frc (port en plus.)
**L'Esperanto en 10 leçons** par TH. CART et M. PAGNIER. — Prix 0.75 (port en plus.)
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. DE BEAUFRONT. — Prix 1,50 (port en plus)
**Vocabulaire Français-Esperanto** par TH. CART, M. MERCKENS et P. BERTHELOT. Prix 2.50 (port en plus.)
**Thèmes d'application** par L. DE BEAUFRONT. — Prix 2.00 (port en plus),

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland) — **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door DREVES UITTERDIJCK, Trompschool, Hilversum. — Prijs : fl : 1.50 (3.25 fr.) verzendingskosten daarboven.
Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in tien lessen**, aan fr. 0,50.

La « *BELGA SONORILO* » acceptera des annonces qui devront satisfaire aux conditions suivantes :
1° Etre rédigées exclusivement en Esperanto ;
2° Emaner de personnes s'engageant à correspondre en Esperanto ,
3° Les annonces doivent être prises pour une année entière.

1/16 de page annuellement fr. 8.00
1/8 » » » » 15.00

*De* «BELGA SONORILO» *aanveerdt aankondigingen die aan de volgende voorwaarden moeten voldoen :*
*1° Opgesteld zijn uitsluitelijk in Esperanto ;*
*2° Gegeven zijn door personen die zich verplichten in Esperanto te schrijven ;*
*3° De aankondigingen moeten genomen worden voor een gansch jaar.*

*1/16 bladz. jaarlijks fr. 8.00*
*1/8 » » » 15.00*

# The Cosmopolitan Correspondence Club

*— INTERNACIA ORGANISMO —*

**Organo : « THE GLOBE TROTTER ».**

Alvokas membrojn el ĉiuj landoj. — Pri pli detalaj informoj sin turni rekte al « *The Secretary of the C. C. C.* » Milwaukee. Wisconsin. U. S. A.

# L'Union Postale Universelle

## La Poŝta Universala Unuigo

MONATA INTERNACIA ĴURNALO

EN RUSA KAJ ALIAJ LINGVOJ.

APERAS LA 1an DE ĈIU MONATO.

*Abonkosto : 5 frankoj aŭ 2 rublo).*
*Unu numero : 20 kopekoj.*

Sin turni al la Redakcio : strato Mario N° 3, log. 6 en Riga aŭ al Societo « ESPERO » Bol. Podjaĉeskaja, n° 24, log. 12 en Peterburgo.

**Redaktoro : S^ro W. E. Tscheschichin.**

# L'ANNONCE TIMBROLOGIQUE

MONATA ORGANO DE LA KOLEKTANTOJ

**da poŝtsignoj, ĵurnaloj kaj ilustritaj poŝtkartoj**

estas unu el la plej bonaj iloj por publikigo kaj por la interŝanĝantoj.

Ĝi ekzistas de 15 jaroj, kalkulas abonantojn en ĉiuj landoj de la mondo, kaj estas la OFICIALA ORGANO DE DEK FILATELAJ KAJ PRESAĴ-AMANTAJ SOCIETOJ; al ĉiuj membroj de tiuj societoj, ĝi estas sendita deve.

*JARA ABONO:* **2 frankoj** en ĉiuj landoj.

*MALGRANDAJ ANONCOJ:* **3 frankoj** por 12 enlokigoj po 4 linioj.

Sin turni al la Direktoro, **S^ro ARMAND DETHIER, 66, rue Floris, Bruxelles, Belgique.**

# Federacio de la Belgaj Filatelistoj.

Oni Korespondas Esperante.
Pri sciigoj oni sin turnu al la Esperantista Sekretario, S^ro J. Coox, Kontisto, en Duffel (Belglando). Aldonu poŝtmarkon por la respondo.